# GAŬĈA STELO 

Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 13 – sept / 99


## Gaŭĉa ĉefurbo

Porto Alegre estis fondata je 1772, kiam 60 geedzoj venintaj el Azoraj Insuloj, proksime de nordafriko, alvenis kun siaj velŝipoj en la estuaron de rivero Guaiba. Enirante en la internon de la Provinco, la geedzaj paroj fiksiĝis ĉirkaŭ 30 kilometroj proksime de Viamão, kiu fariĝis la unua ĉefurbo de la Provinco Sankta Petro de Sud-Riogrando. Porto Alegre lokiĝas ĉe "Lagoa dos Patos" kaj estas banata far kvinrivera delto Guaiba, kiu formas mirindajn rivergulfetojn.



La malgranda vilaĝeto, konata kiel "Haveno de Geedzaj Paroj", baldaŭ farigus grava centro kaj tre frue gajnus la nomon "Porto Alegre"( Gaja Haveno) . Ĝi naskiĝis el la rivero kaj ĝis hodiaŭ konservas la amindumon por tiu granda kaj dolĉa baseno de arĝentaj akvoj nomata Guaiba. Estas ĝi kiu donas la grandiozan molduron kaj, precize dum aŭtuno, la scenejon de unu el la plej belaj krepuskloj de la mondo.

## Gea-Estraro kaj konsilantaro

Por la oficperiodo 1999 / 2001, estis elektitaj je la 24-a de julio pasinta la jena Estraro kaj Konsilkantaro de Gaŭĉa Esperanto - Asocio :

**Estraro**

Prezidanto : Ivo Sanguinetti
Vico-prezidanto : Joaquim Chaves
1º Sekretario : Lygia de Maria Ferreira
2º Sekretario : Hermes E. Machado Jr.
Kasisto : Hilda Pinto

**Konsilantaro**

Julinha Z.F. Pereira
Manoel Torres Abreu
Osvaldo Rodrigues Camargo

## Esperanto en Sud-Riogrando

La lingvo Esperanto penetris en Brazilon per Sud-Riogrando. En la Adresaro XVII de jaro 1895 ĝis 1897 aperas la nomon de S-ro Arno Phillip, de Porto Alegre;, redaktoro de la ĵurnalo "Deutch Zeitung , en kies paĝoj li skribis en 1894 artikolon antaŭvidante la sukceson de la Lingvo Internacia Esperanto.

## Ĉu vi scias ?

Francisco Valdomiro Lorenz lernis la ĉinan lingvon pere de Esperanto. La afero estas eksplikenda : li korespondadis kun ĉino loĝanta en Kanado...

## Ĉu vi scias ?

Je la fino de la jaro 1906, estis fondita la unuan gaŭĉan esperantan grupon kun la nomo "Esperanta Societo Sud-Riogranda, kiu havis 122 anojn.

## Korespondaj amikoj

**Viktor Vasiljev.** Ul. Gastelo 436 RU 600026 Vladimir, Ruslando
**Claudio Delandre**, inĝ., Rua Visconde de Taunay 385 / 103 BR 31525-020, Belo Horizonte, MG, Brasil
**Nida Zilinskaite** (37 jara, surda fraŭlino) Panevezio 29m/ 101 LT-2038, Vilnius, Litovio.
**Gregoro Richert** (27 jara), ul. Kzatoza 27 Luzino, Pollando.

## Lingvaj Kuriozaĵoj

| Esperante | Portugale |
|---|---|
| Lado | Folha |
| Lama | Capenga |
| Lata | de ripa |
| Ledo | couro, pele |
| Lento | Lentilha |
| Levo | Elevação |
| Limo | Limite |
| Lobo | Lóbulo |
| Lodo | Meia onça |
| Lua | Locatício |

## Turismo ĉe Porto Alegre

Lasteldone de tiu-ĉi informilo ni skribis pri la Parko "Farroupilha", unu el la plej vizitindaj parkoj de la gaŭĉa ĉefurbo. Por kompletigi iom pri turismaj informoj ni mencias ĝiajn plej elstarajn monumentojn. La parko posedas 45 altvalorajn verkojn, skulpturajn kaj arkitekturajn kaj estas unu el la plej grandaj urbaj parkoj de Sudameriko. Tiuj monumentoj, el kupro kaj mamoro, estis donacitaj de diversaj landoj. Inter ili elstariĝas: la **Luma Fonto**, farita en Novjorko ; la **Monumento al Ekspediciistoj**, inaŭgurata en 1953, omaĝe al brazilaj soldatoj kiuj partoprenis en Italio de la 2ª Monda Milito, la

loketoj japanaj kaj eŭropa, la gaŭĉo orienta, la malgranda zoo ktp.

La **Brikabrako** de la parko, antaŭe nomita "Redenção", estas la preferinda loko de la porto-alegreanoj. Tiu foiro okazas ĉiuj dimanĉoj jam de 28 jaroj, kreita en 1970. Krom negocii antikvaĵoj, ĝi komencis kun 24 ekspoziciantoj, kiuj hodiaŭ jam estas 71, krom 40 plastaj artistoj, 184 artfaristoj kaj 10 standoj pri gastronomio, sume 350 personoj, kiuj vendis ekde revuoj ĝis kristaloj.

## Gaŭĉino

**El folkloro**
Esperantigis
Ivo Sanguinetti



Gaŭĉino, Gaŭĉino
Kompatu je mia kor'
Vian amon, karulino
Mi nur petas kun fervor'.

Kiam venas la tagiĝo
La birdar'en kunfratiĝo
Ĝoje kantas en l' árbar';
Viajn harojn mi memoras
Kiam Minuano plora
Kiel ondoj de la mar'.

Mia koro en mi ardiĝas
Kaj la brusto plenbruliĝas
Mi vin amas kun fervor';
Ĉar vi, gaŭĉino bela,
Kiel rozodor'ĉiela
Havas la dornon de l'flor'.



Lakto de gaŭĉa bovino
Estas pli bone ol penicilino



Milda kiel kato sur kampara
vendotablo



Bovo kun korno rompita,
estas ĝia morto anoncita.

## Gaŭĉaj popoldiroj

Multnombraj kiel korvoj sur kadavraĵoj
Blinda kiel kato el gipso
Pli timigita ol bovo enmarĉigita
Suĉante kiel porkido kaŝite
Nigra kiel buŝo de lupo
Pli sobra ol pastro en dimanĉo
Rapida kiel kato sur triparo
Sebeca kiel telefono de buĉisto

**Popolo kiu ne kultas sian tradicion,**
**estas popolo kiu mortas en ĉiu generacio.**



## Krucvortenigmo



Nedio L. Rosa

**Horizontale :** 1. plantparto, ordinare kolora, oftebonodora -- malsekigi en likvaĵo (rad.) 2. meritanta ion -- demanda pronomadjektivo 3. kare ŝatiiun aŭ ion -- kolego, kunulo (mll) 4. ago de tiu, kiu tuŝas per la lipoj, por esprimi respektan amonaŭ admiron -- rilata al restado ĝis la alveno de iuaŭ okazo de io 5. 3-a plurala persona pronomo -- ortangula paralelepipedo el bakita argilo, uzata por konstruado 6. finaĵo de la aktiva indikativa futuro-- laŭ ia maniero -- mililitro (mll) 7. ago de tiu, kiuspasme kaj brue elspiras aeron per la nazo kaj la buŝo -- al nedifina persono aŭ afero 8. montrejo en ekspozicio -- ĉiu ilo per kiu oni glitas sur la neĝo 9. negativa; malkonsenta -- ĉiu el la du flankaj partoj de la nazo 10. muso (rad.) -- movi boaton surakvo, antaŭenpuŝante ĝin per speciala ligna ilo 11.tio, kio impresas la flarsenson -- muzika teatraĵo**Vertikale :** 1. ripari -- tiu, kiu estas ĉe la supera kaj unua rango kaj posedas efektivan ordonpovon 2. instrumento -- sufikso esprimanta ĝenerale agon 3. asesoro 4. samsoneco inter du aŭ pluraj vortoj -- interne 5. persona nedifinita pronomo -- kolektoda birdoj 6. ebena loko rezervita por bataloj aŭ ludoj 7. bastono por bati la takton -- kora inklino aliu 8. numeralo, esprimanta la sumon de naŭ plus unu -- kartona aŭ papera folieto (rad.) 9. teorio kajscienco pri la meĥanismo reguligantaj la produktadon kaj distribuadon de la riĉaĵoj 10. unua singulara persona pronomo -- prunti 11. SudAmerika ronĝanta kvarpiedulo -- regulo

## Mamuloj

| Esperante | Portugale |
|---|---|
| Hamstro | semelhante a ratão |
| Hemiono | Burro selvagem |
| Hieno | Hiena |
| Hino | Mulo |
| Hipopotamo | Hipopótamo |
| Histriko | Porco espinho |
| Hundo | cão |
| Ibekso. | esp. Cabra |
| Igvano | Iguana |
| Izatiso | esp. Lobo |
| Jaguaro | Jaguar, onça |
| Jaguatiriko | Jaguatirica |
| Kaĉaloto | Cachalote |
| Kamelo | Kamelo |
| Kanguruo | Canguru |
| Kapivaro | Capivara |
| Kaprido | Cabrito |
| Kapro | Cabra |
| Kaproviro | Bode |

## Kuriozaĵoj

Kiun teron oni manĝas ? - buTeron
Kiu estro ne estras ? - fenEstron
En kiu stelo loĝas homoj ? - kaStelo
Kiun fiŝon oni gluas surmure ? - la aFiŝon

## Solvo :

Horizontale : 1. FLORO, TREMP 2. INDA, KIA 3. AMI, K-DO 4. KISO, ATENDA 5. ILI, BRIKO 6. OS, IEL, ML 7. TERNO, IUN 8. STANDO, SKIO 9. NEA, ALO 10. RAT, REMI 11. ODORO, OPERO
Vertikale : 1. FLIKI, ESTRO 2. ILO, AD 3. ASISTANTO 4. RIMO, ENE 5. ONI, BIRDARO 6. ARENO 7. TAKTILO, AMO 8. DEK, SLIP 9. EKONOMIKO 10. MI, LUI 11. PAKAO, NORMO